XIII^a jaro. N° 188 (4) ☆ Monata ☆ 5 aprilo 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . **5.— Frankoj** (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . **6.25 Frankoj** (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## NUNTEMPAJOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

X

[illegible] kaŭzoj. La pacproblemo ne estas [illegible] — La pacifistaj proponoj [illegible] mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi.

Neniu povas nei, ke je nia epoko la gazetaro havas potencan influon sur la formiĝo kaj la disvastiĝo de la opinioj. Ilia sugestiga povo estas grandega precipe ĉe la duonklera publiko de niaj okcidentaj nacioj. La plimultaj homoj ne havas aliajn opiniojn ol tiujn de sia ĵurnalo, speciale pri internacia politiko, ĉe kiu la nescio de la popolamasoj kaj eĉ de multaj kleruloj estas ankoraŭ miriga. La laboristaj kaj kamparanaj klasoj, kiuj vidas en la gazeto informilon pri la okazantaĵoj de la ĉiutaga vivo, estas iom malpli submetataj al ĝia influo, speciale pri la interna politiko. Plej skeptikaj estas certe la ĵurnalistoj, kiuj, sciante kiel estas preparata la ĉiutaga nutraĵo de la legantoj, ne tre serioze prikonsideras ĝin.

De longe, la pacamikoj komprenis la gravecon de la gazetaro rilate al la okazantaĵoj de la tutmonda politiko. Ili konsideras ĝin kiel parte responda pro la interpopolaj malamoj, kiujn ĝi favoris pro sia senpripenso, sia trompemo kaj sia ŝovinismo. Ili opinias, ke nenia paca ordo estos ebla tiel longe, kiel la gazetaro estos plene libera disvastigi [illegible] kalumniojn kontraŭ fremdaj nacioj, falsajn aŭ malĝuste prezentitajn informojn, senfundamentajn akuzojn. Ili sekve proponas, ke „ĉiu ŝtato starigu punleĝojn pri la kalumnioj kontraŭ la fremdaj nacioj, publikigitaj per la gazetaro aŭ ĉia alia rimedo“. (Minimuma programo de la Konsilantaro de l' Internacia Pac-Oficejo.)

Estas nedubinde, ke nuntempe la gazetaro fariĝis ilo de milito pli ol ilo de paco. En tiu rilato la konstatoj de la pacifistoj estas pravaj. Sed antaŭ ol indigniĝi, ni pripensu, kaj precipe ni leviĝu ĝis la veraj kaŭzoj. La rolo de la gazetaro povas esti konsiderata sub du malsamaj aspektoj: unuflanke, ĝi konigas la okazantaĵojn kaj altiras la atenton de la publiko al faktoj supozitaj gravaj (informa tasko); aliflanke, ĝi havas la taskon disvastigi certajn religiajn, politikajn aŭ socialajn kredojn. Tiu misio ofte reagas je la unua, en tiu senco, ke la plimultaj ĵurnaloj elektas kaj interpretas la okazantaĵojn, laŭ la intereso de la idearo, kiun ili diskonigas. Ĉu ĝi okupiĝas pri informado, ĉu pri propagando, la gazetaro restas ilo, kiu povas servi por la bono aŭ por

la malbono, por la justo aŭ por la maljusto, por la paco aŭ por la milito. Ĝi estas tia, kia la homoj ĝin faras.

Ni ankaŭ notu, ke la plimultaj jurnalistoj ne estas memstaraj. Ili laboras laŭ direkto, kiun trudas al ili la grupo, posedanta la gazeton, plej ofte alligata je partio aŭ politika klano. Se oni volas ŝanĝi la karakteron de la gazeto, oni do devas agi je la posedanto. Sed eĉ tiu ĉi ne estas sendependa. Li povas trudi siajn opiniojn nur ĝis tia grado, kie li juĝas ilin akcepteblaj de la publika opinio. La aĉetanto restas fine la vera mastro. Li pagas por havi opinion pri la okazantajoj, sed kondiĉe, ke tiu opinio ne tro kontraŭstaru liajn kutimojn kaj antaŭjuĝojn.

Pri la eksterlanda politiko, la rolo de la aĉetanto estas malpli grava pro lia nescio kaj manko de intereso al ties problemoj. Sed tiom pli granda fariĝas la rolo de la grupo, kiu direktas la jurnalon. Tre ofte tiu grupo cetere ne havas sendependajn opiniojn; tiuokaze ĝi sin limigas antaŭvidi kaj apogi la agadon de la registaro. En kelkaj landoj, la gazetaro estas tre disciplina rilate al tio; ĝi obee sekvas la instrukciojn de la ministerio de l' eksterlandaj aferoj, kiu povas ĝin profite uzi por orienti sian politikon kaj ekkoni la situacion, ne tro kompromitante sin.

Tiun politikon kondiĉas la reĝimo de internacia anarkio. Krom malmultaj esceptoj, la gazetoj estas iloj de tiu politiko. La procedoj, kiujn ili uzas, estas konformaj al la logiko de la nuntempa interŝtata sistemo, ĉe kiu la nacioj estas fakte super la moralo.

La pacifistoj opinias, ke oni povus senpere aliigi kelkajn gazetistajn procedojn speciale mallaŭdindajn per internacia interkonsento, laŭ kiu ĉiu ŝtato sin devigus enkonduki punleĝojn pri insultoj aŭ kalumnioj kontraŭ fremdaj nacioj. Sed ĉu ne estas klare videble, ke la registaroj konsentos alpreni tiajn regulojn nur tiam, kiam ĉiuj havos egalan pacvolon kaj estos egale kontentaj je la *statu quo?* Oni denove supozas solvita ĝuste tion, kio estas solvota. Tiel longe, kiel la ŝtatoj estos sendependaj unu de la alia, ili estas elmetataj je la militrisko. Reguligi iliajn diskutprocedojn estas tiel senefike, kiel reguligi iliajn militprocedojn.

Cetere la insultoj kaj la kalumnioj de la gazetaro, kiujn naskas politika streĉiĝo inter du landoj, ne havas la gravegecon, kiun oni aljuĝas je ili. Ne la jurnalistoj kondukas la intertraktadojn, sed la ŝtatistoj kaj la diplomatoj. Nu, eĉ ĉe gravaj krizoj, la ŝtatreprezentantoj uzas ĉiam tonon de malvarma sed senriproĉa ĝentileco, ĉe kiu la insulto estas forjetata kaj la kalumnio florornamata. Ili malestimas la gazetistajn kriistojn, kio cetere ne malhelpas, ke ili kaŝe uzu ilian perecon, kiam tion postulas la bezonoj de ilia politiko. Tiu ekstera ĝentileco tute ne malhelpas, ke la diplomatoj restas en plena malakordo pri la fundo de l' konflikttemo. Estas vere, ke la modereco de la paroloj kaj la afableco de la sintenado faciligas objektivan ekzamenon de la malkonsento, sed tio ne sufiĉas por solvi ĝin. Por interkonsenti, oni ne nur devas esti ĝentila, sed havi komunajn ideojn.[1]

La gazetpolemikoj sur la internacia kampo estas unu el la tre multaj simptomoj de la organika malsano de la socio, kies nomo estas anarkio. La ĝustan rilaton inter la gazetara agado kaj la orientiĝo de la eksterlanda politiko montras la facileco, kun kiu la kalumnioj kaj insultoj de la gazetoj rapide ŝanĝas celon laŭ la politikaj cirkonstancoj. Antaŭ kelkaj jaroj, la politikaj rilatoj inter la nacioj A. kaj B. estis malbonaj. En ambaŭ landoj la gazetaro ofte disvastigis akuzojn kaj insultojn kontraŭ la malamika nacio, je kiu ĝi aljuĝis la plej nigrajn intencojn. Tamen, per la agado de la diplomataro de ambaŭ regnoj, politika interkonsento fine estis atingita, kaj la streĉiĝo malaperis. Tuj aliiĝis la sintenado de la gazetaro. Ĝentileco fariĝis regulo. Oni ambaŭflanke penis substreki tion, kio unuigas la antaŭajn malamikojn, dum per silenta interkonsento oni forigis ĉion, kio rememorigis pri la pasinta intereskonflikto fariĝinta „bedaŭrinda malkompreniĝo“.

La transformiĝo de la politikaj ideoj, kiun supozigas la stariĝo de nova ordo havos la naturan efikon paralele ŝanĝi la sintenadon de la gazetaro. Kiam en la homaj spiritoj, regos la ideo pri internacia ŝtatiĝo (federacio), la insultoj celantaj tutan landon ŝajnos tiel maldecaj, kiel ŝajnas nun la insultoj direktataj al certa provinco aŭ al certa urbo interne de sama lando. Kompreneble, neeblaj ili ne estos, sed la reago de la publika opinio sufiĉos por neŭtraligi ilian efikon. Ni ne tro kalkulu je la kodoj kaj leĝaroj por transformi la publikan opinion. La paragrafoj reprezentas nur iluzian valoron, se la homoj, al kiuj ili sin turnas, ne estis antaŭe submetitaj je speciala spirita preparado.

Cetere, estas evidente, ke sub la nuna reĝimo la apliko de la leĝo proponita de la pacifistoj renkontus tre multajn praktikajn malfacilajojn. Kiel difini kalumnion aŭ insulton kontraŭ fremda nacio? Kie ĝi komenciĝos, kie ĝi haltos? Ĉu insulto kontraŭ fremda registaro estos konsiderata kiel insulto kontraŭ la tuta nacio? Tiu diferenco estas grava. Akra juĝo pri la agoj de regnestro aŭ registaro ne logike entenas juĝon malfavoran al la tuta popolo. Aliflanke, je la paca vidpunkto, gazetartikoloj, kiuj kvankam ne insultemaj pretendas priskribi popolon en maniero ne respondanta al la realeco aŭ karikatura, estas pli danĝeraj, ol skribajoj, en kiuj iu registaro estas akre kritikata pri certaj faktoj. — Ĉu oni sisteme persekutos ĉiujn deliktojn aŭ tion faros nur post plendo de la atakita ŝtato? Ĉu la procesoj okazos antaŭ la ordinaraj tribunaloj de la lando, kie la kulpo estis plenumita, aŭ antaŭ internacia instanco?

Eĉ se oni supozas, ke fine kontentiga formulo estos trovita, estas certe, ke ĝia interpretado naskos senlimajn diskutojn kaj senĉesajn plendojn tiel longe, kiel la publika spirito ne estos profunde reedukita. Aŭ la leĝo punos nur tute esceptajn deliktojn, kaj tiuokaze nula estos ĝia utileco, je la paca vidpunkto. Aŭ ĝi pretendos havi pli vastan amplekson, sed tiam ĝia apliko havos nenian rezultaton ol okazigi sennombrajn procesojn.

Entute, la supre aludita propono devenas el la erara ideo, ke la leĝo povas transformi la morojn. Sed la leĝo havas sistemigan kaj reguligan povon, ne transformigan. Leĝo, kiu ne apogas sin sur la publika spirito, rapide kadukiĝas aŭ interpretiĝas en maniero kontraŭa je la intencoj de la leĝofarinto.

Ĉu el tio oni konkludu, ke nenio devas esti provata por utiligi la gazetaron favore de la celado al interŝtata ordo? Tute ne. Sed plej urĝa ne estas punleĝaro, sed edukado. Estas unue necese, ke la ĉiulandaj pacamikoj unuiĝu en organizajon, kiu trudos respekton pro sia forto — forto morala, dank' al la sindonemo kaj oferemo de siaj anoj, — forto materia, dank' al la rimedoj, kiujn ĝi posedos. Tiu organizajo penos gajni al siaj ideoj ekzistantajn organojn kaj per ili influi la publikan opinion; aliparte, ĝi devos havi sian propran gazetaron, kiu estu kapabla efike kontraŭbatali la potencon de la jurnaloj defendantaj la ideojn anarkiajn kaj militemajn. Tiamaniere iom post iom disvastiĝos inter la popolamasoj la principoj de la nova internacia ordo kaj plenumiĝos la edukado de la publika opinio, t. e. la plej urĝa tasko, kiu ĝis nun ne ankoraŭ estas serioze entreprenita per efikaj rimedoj.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

---

[1] Estas notinde, ke dum la semajno antaŭ la deklaro de la nuna milito, la ĉefaj organoj de la Eŭropa gazetaro sin detenis de insultoj kaj ekscitoj. Ilia sintenado tute ne estis militema. Nur kiam la milito aperis neevitebla, ilia tono modifiĝis. Tuj kiam ĝi estis komencita, strangajoj kaj absurdajoj estis gasteme akceptataj de la gazetoj ĝis nun konsiderataj kiel plej prudentaj.



# SOCIA VIVO



## Ĉu militoj estas neeviteblaj?

Oni diras, ke la milito estas neevitebla, ĉar ĝi devenas de certaj leĝoj, kiujn ni ne kapablas kontroli. Se ni konsentas la neeviteblecon de la milito, ni ankaŭ ne estas mastroj de nia destino, kaj tio estus gravega rilate al la moralo, la agoj kaj devoj de ĉiu homo dum la vivo. La akcepto de tia doktrino rajtigas la jenan konkludon: Ni estas liberaj je ĉiu ajn prirespondeco, ĉar ni ne povas esti respondaj pri afero neevitebla.

Oni vidos, ke ĉiuj militistaj verkistoj forte kliniĝas al fatalismo, pro tio, ke ili ne kredas, ke la homa prudento kapablas solvi gravajn problemojn alie ol per milito. Ĉe popoloj, kiuj akceptis la doktrinon de l' senpoveco de l' homa volo, ni efektive trovas la emon al la milito kaj ĝenerale temperamenton inklinan al fatalismo, kiel ekz. ĉe la Turkoj.

Ni konas popolojn, kiuj senĉese bataladas: la Maŭroj, Beduinoj, Venezuelanoj. En unu jarcento Venezuelo faris 110 militojn. Ĉiu elekto fariĝas en Venezuelo per armilforto. La ŝtato ne konsentas la infanan pacifismon de ordinara elekto. La diversaj partioj sin reciproke almilitas por la rezulto. El tio devenas en iuj sudamerikaj ŝtatoj tute speciala kulturtipo.

La diferenco inter Venezuelo kaj ni konsistas el tio, ke *ni* scias, kiamaniere ni devas kontraŭstari tiun supozitan neeviteblecon de la milito, kaj ili ne. Ni do tiurilate pli bone regas niajn agadojn ol la Venezuelanoj. Certaj animaj faktoroj, kiujn ili ankoraŭ ne subigis, incitas ilin al militado. La klarigon de tiu fakto ni havas en tio, ke ili ne konas la volon al la paco kaj la volon ekkoni la maljustecon; ili plivole deziras montri, kiu el ili pli sukcese batalos.

Sed la homo deziranta plej bone progresigi la socion, devas esti konvinkita, ke ni kapablas regi niajn agojn, kaj ke ni ne estas la sklavoj de ekstera influo, kiel la de l' vento alblovita herbero aŭ la tigro, kiu supersaltas, ĉar la instinkto lin devigas.

Por pruvi la neeviteblecon de la militoj, oni sin turnas al la historio, kiu devas atesti, ke militoj ĉiam okazis. Je l' tempo de l' Roma imperio troviĝis Romaj verkistoj, kiuj opiniis, ke la socio tute ne povas ekzisti sen sklaveco. Ĝi ŝajnis al ili neevitebla. Ankaŭ ili sin pravigis per la historio, ĉar la historio de ili konata fakte ne montris epokon sen sklavoj. Ili estis pravaj laŭ la tiam ekzistantaj dokumentoj.

Sed tio ne pruvis, ke la homa inteligenteco ne estis kapabla, krei socion sen sklaveco. En nia ŝtata societo la homoj ne estas konsiderataj kiel posedaĵo, kaj iliaj plej sanktaj parencaj rilatoj ne plu estas difinitaj de ebria mastro. Per nia volo ni evoluciis en tiun direkton, kvankam tio ŝajnis neebla al la plej saĝaj homoj vivantaj antaŭ du mil jaroj. Alvoko al pasinto do neniel solvas por ni demandon pri nia evolucio en la estonto.

En la libro de verkisto el la deksesa jarcento ni trovas diskuton inter katolika ŝtatisto kaj Hugenoto pri la buĉado de la S-ta Bartolomeo. La Hugenoto treege bedaŭris la mortigon de 70,000 homoj. La katoliko konsentis, sed aldonis: „Vi ne povas atendi de ni katolikoj, ke ni nin memmortigu. La potenco de la Hugenotoj estis plifortiĝanta; se la ŝtata potenco apartenus al vi, vi nin estus mortigintaj, kaj por tion malhelpi, ni vin mortigis.“

La Hugenoto plue demandis, ĉu entute tiu buĉado estis neevitebla, al kio la katoliko respondis: „Dum la homa naturo restas tia, kia ĝi estas nun, la homoj batalos por la afero al ili plej grava: por ilia religio. Ĝi estas naturdevena instinkto; nur nepra aliiĝo de la homa naturo povus ĝin ŝanĝi.“

Post la S-ta Bartolomeo venis la tridekjara milito kaj la longdaŭraj religiaj militoj en Francujo. Sed de tiam okazis fundamenta ŝanĝo: La hispanaj „autodafé“ ĉesis, kaj ankaŭ alirilate io enpenetris la eŭropan spiriton, kio kvietigis la pasiojn, kiuj, laŭ la opinio de l' katolika ŝtatisto de l' deksesa jarcento, nepre devis estigi militon. Ni solvas religiajn disputojn spirite kaj per diskuto, sed ne per kruda perforto, kaj la konverto de unu kredo al alia estas pli ofte la rezulto de konvinko ol de trudo.

Ni pli kaj pli celas al ordigo de la aferoj per interkonsento. Eĉ en la nuna milito tiu ĉi emo precipe efikas. — Ni ambaŭflanke vidas liganojn. Se Francujo estus defendonta sin sen la per kontraktoj certigita helpo de la aliaj nacioj, ĝi estus venkita. Ni verŝajne volonte akceptus la helpon de kvin aŭ ses aliaj popoloj. Nia konfido do ne apogas sin nur sur la kunpuŝo de kruda perforto.

Se efektive la nura perforto regus la mondon, ni estus la sklavoj 'de la bestoj, kiuj helpas nin nutri, ĉar rilate la korpan forton, ili estas pli fortaj ol ni. La homo de la ŝtonepoko, kiu vivis antaŭ kvin mil jaroj, estis tiel same forta kiel ni. Kio do nin ebligas, kontroli la naturon kaj submeti al ni ĉion ajn alian, estas nur la pli kaj pli progresanta evoluo de nia inteligenteco super la forton.

Perforto estas ilo por la homa volo. La mondo ne konsistas el blinda konkuro de unuaĵoj, kiuj sin reciproke kontraŭstaras. Proporcie kun la progreso de la civilizacio kreskas la emo al kunlaborado kaj interkonsento, kaj malpliiĝas la danĝero je blinda kunpuŝo. La gigantaĵoj kaj brutaĵoj en la naturo, kiel ekz. la mastodono, kies kranion ni vidas en muzeoj, malaperis. Ili estas anstataŭigitaj de bestoj pli malgrandaj kaj uzantaj sian inteligentecon.

La daŭra valoro de l' kunlaborado estas nekompareble pli granda ol tiu devenanta el milito. Kiam nia lando konsistis el duondekduo da nacioj, ĝi havis nur du milionojn da enloĝantoj. Ili sin reciproke almilitis, same kiel la Indianoj antaŭ kvin jarcentoj bataladis por sia ekzisto kaj siaj ĉasgrundoj. Sed kiam en Granda Britujo komenciĝis la kunagado, la nombro de la enloĝantoj pliiĝis ĝis preskaŭ kvindek milionoj. En Norda Ameriko, per la favora influo de la kunagado, la enloĝantaro atingis la nombron de cent milionoj, kie antaŭe estis nur tiom da miloj.

Oni asertas, ke, en tiu ĉi lando, ni per la spiritaj el la milito devenintaj gajnoj progresis. Ni same ĝuste povus diri, ke ankaŭ la Irlanda malsatego estigis certajn spiritajn gajnojn; sed se ni ekzamenas la el ĝi devenintajn utilojn kaj malutilojn, ni tamen konsentas, ke malsategoj ne estas dezirindaj.

Ni ekzemple supozu, ke homo havas renton, kiu lin nekapablas, subteni sian familion. Subite lia rento duobliĝas. Sed li komencas trinki ĉampanvinon, dum lia familio ankoraŭ estas en mizero. Tiam oni diras: Jen vidu, ĝi neniom utilas. La rimedo tamen ne konsistos el tio, ke oni redonu al li lian antaŭan renton, sed el tio, ke oni lin malkutimigu trinki ĉampanon. Povas do esti vere, ke en nia lando la malbonaĵoj plimultiĝas, sed ni ilin ne forigos per malkonsento inter ni, sed per tio, ke ni al ili kontraŭstaros per nia volo.

Se milito efektive estus neevitebla, ni ne rajtus mallaŭdi landon pro tio, ke ĝi kaŭzis ĝin. Se milito estas beno, ni ne rajtas, insulti ĝiajn farintojn, kiel ni faras. En miaj verkoj mi montris kiom kostas milito. La prezon, kiun ni pagas por ĝi, ne povas esti fiksita per mono, la plej alta prezo ne estas eĉ la vivo; ĝi estas la maljusteco, tial ke milito ne decidas pri rajto, sed nur pri tio, kiu estas la pli forto. Se ni esploras la pasinton, ni ĉiam trovos, ke la justa partio malvenkis kaj la maljusta venkis, malprofite al la civilizacio.

Se oni min demandas, ĉu tiu ĉi milito estos la lasta, mi respondas: eble ankoraŭ ne. Ni des pli devas nin mem demandi, kion ni volas fariĝi: ĉu blindaj sklavoj de l' sorto, kiel supozas la militaristoj, aŭ regantoj de niaj agoj, kiel instruas al ni vera kompreno? Se ni decidas, agi nur por la bonstato de niaj homfratoj, ni baldaŭ konscios, ke la milito ne alvenas al ni de supre.

Kelkaj el miaj amikoj, kiuj lasttempe transveturis la Kanalon, opiniis, ke ventegoj estas malagrablaĵoj. Mi konsideras la militon kiel malagrablaĵon. La nura diferenco estas, ke ni ne kaŭzas la ventegojn. Sed ni kaŭzas la militon.

Sed tiujn, kiuj opinias, ke milito estas neevitebla, kaj ke ni ne povas regi niajn agojn, mi demandas, kial ni entute tion priparolas? Se niaj paroloj ne povas ŝanĝi la situacion, ĉu ni ne perdas nian tempon? Kion ĉio ĉi signifas? Ne estas lando en la mondo, nek tago en la jaro, je kiu la dek ordonoj ne estas malobeitaj. Sed kia estus nia situacio, se ni ne havus la dek ordonojn?

Ne, ni estas la mastroj de nia volo, kaj ni kapablas malhelpi militojn. Opinii alimaniere — supozi, ke ĉiam estos militoj, ĉar militoj ĉiam estis — estus depreni de ĉiu el ni la spiritan prirespondecon kaj atribui al la civilizacio senesperan kaj malmoralan cinikecon.

*Norman Angell.*
Trad.[1]: *A. C.*

[1] El „Friedens-Warte".

## Internacia Konkorda Klubo

En la semajno de la 12—18 marto kunvenis proksimume dudek notindaj personoj el dek diversaj landoj en Kandersteg, Berna Oberlando, Svisujo, kun la celo priparoli internaciajn demandojn. La ĉefa temo estis la fondado de Konkorda Klubo, kiu volas unuigi en familia rondo la anojn de la militantaj kaj de la neŭtralaj ŝtatoj. Nuntempe tia centro estas utila al la multaj en Svislando loĝantaj fremduloj, kiuj, kvankam ili estas tute fidelaj al sia patrujo, deziras rilati kun svisoj aŭ kun alilandanoj por firmigi la komunajn spiritajn interesojn de la homaro kaj por kontraŭbatali la personan malamon, mensogon kaj aliajn bedaŭrindajn sekvojn de la militado. La ĝenerala, postpaca celo de la klubo estas kunigi en hotelo aron da diversnaciaj turistoj, kiuj ŝatas trovi agrablan societon kaj aŭdi paroladojn pri ĝeneralaj temoj. La komitato, kiu nuntempe estas en formado, faros do kontrakton kun iu hotelo en la svisa montaro, por ke ĝi akceptu la klubanojn dum du aŭ tri semajnoj je modera prezo (6—8 Fr.), havigu je ilia dispono komfortan salonon por kunvenoj kaj lokigu la fondotan bibliotekon. Kiel la aliaj hotelgastoj, la klubanoj faros kune aŭ izole siajn ekskursojn, sed vespere kaj dum pluvtagoj montro de lumbildoj, paroladoj kaj diskutoj unuigos ilin. Kun la tempo oni plilongigos la kluban sezonon, elektos hotelojn en diversaj svisaj kaj poste en alilandaj lokoj, ĝis kiam oni povos konstrui proprajn domojn kaj inviti, kun la helpo de bonfarantaj societoj, malriĉajn malsanulojn. — La spirita ligilo de la klubo estas la reciproka estimo; neniu faru aŭ diru ion, kio povus ofendi la kredon aŭ senton de la aliaj.

Tiu plano ne estas nova. Io simila ekzistas jam en kelkaj landoj inter nacianoj; internacie ni havas la Esperantistajn kongreskaravanojn kaj kelkajn provojn de Esperantistaj somerrestadejoj. Tiuj lastaj ne brile sukcesis; parte mankis taŭga organizo, parte estas kulpaj niaj kongresoj, kiuj jam postulas dekkvar tagojn kaj konsiderindajn elspezojn, sed la ĉefa kaŭzo estas verŝajne la relativa malmultnombreco de niaj samideanoj. Ĉar por sukcesigi tian restadejon, sufiĉa nombro da personoj devas havi la saman disponeblan tempon kaj monon, devas interkonsenti pri la sama loko, hotelo, k. t. p., la procentaĵo inter la homoj estas tiel malalta, ke rilate al la Esperantistoj la rezultato fariĝas minimuma. Simpla kalkulo pruvas aŭ almenaŭ igas tre verŝajne, ke dum la proksima estonto Esperantistaj hotelaj kolonioj ne estas kreeblaj; ni do returnu la aferon kaj esperantigu la fremdlingvajn.

En Kandersteg la diskutoj okazis en germana, franca kaj angla lingvo. Ĉar nur ĉeestis personoj spertaj en internaciaj aferoj, preskaŭ ĉiuj parolis du lingvojn, kaj kelkaj eĉ tri; malgraŭ tiu escepte favora cirkonstanco la bezono je internacia komunikilo estis forte sentebla kaj la propagando por Esperanto falis sur fruktodonan teron. Formalan decidon, ke oni akceptu Esperanton ni ne alklopodis, la lernado de nia lingvo, kio sole utilas, estas ja la sekvo de persona konvinko, ne de rezolucioj. Ĉe tiuj „internaciemuloj", se oni rajtas uzi tiun vorton, la teoria konvinkiĝo estis facila, sed ni miris, kiajn multajn demandojn tiu sperta publiko starigis koncerne la praktikon de Esperanto. Krom la kutima dubo pri samforma elparolado unu, kiu iam studis propagandan broŝureton, plendas, ke la lingvo fariĝis multe pli komplika ol ĝi estis originale, alia malpermesas literaturan verkadon en tiu senkaraktera, miksita idiomo, tria demandas, ĉu ĉiuj nuancoj de homa pensado estas tradukeblaj kaj kvara deziras scii, ĉu iam en nia lingvo ni havos poetojn tiel famajn kiel la ĝisnunaj naciaj verkistoj. Tiuj diskutoj pri Esperanto, kiel pri aliaj internaciaj temoj montris la utilecon de la Konkorda Klubo, kie konkorde oni sin reciproke instruas. Kaj vere, se oni memoras pri la pluvaj tagoj kaj longaj vesperoj en somerrestadejoj, kie la gastoj mortigas la tempon per malspritaĵoj kaj ofte pro enuo malpaciĝas, oni povas esti dankema se en la fondotaj kolonioj oni trovos ankaŭ spritan nutraĵon. Plie, por sola vojaĝanto estos tre valora scii, ke en la klubo li facile interkonatiĝos. La sola kritika punkto en la afero estas la konservado de la unueco; inter homoj la sola ordono de reciproka estimo aŭ eĉ amo ja ne ĉiam sufiĉas. En tiu rilato ĉio dependas de la personoj, kaj se la kunvokintoj de la unua kunveno, Ges-roj Holbach, konservas la regadon, feliĉa estonto de la klubo estas certigata. La raportinto devas konfesi sian miron, kiel lerte S-ino Holbach kuntenis la miksitan societon, kiel per sia malpeza disciplineto ŝi havigis libervolan obeon, kiun ni perfortemaj homoj ne estus tiel bone atingintaj. Dankante la iniciatantinon de la kunveno, ni volonte plenumas la promeson atentigi la Esperantistojn je la nova klubo kun ĝia simpla, praktika celo. Se dum aŭ post la milito Esperantistoj venas Svisujon, ili trovos en la kluba hotelo agrablan societon, mirindan eblecon propagandi nian lingvon, kaj okazon lerni el fremdaj ideoj.

*Ed. Stettler* (Bern).

## La digoj en Nederlando

II

Oni komprenas, ke en tia konstante minacata lando kiel Nederlando, la loĝantoj frue estis edukitaj por la sistema batalado kontraŭ la maro. En la komenco, ĉio ajn estis bona, kio povis eĉ momente kontraŭstari je la furiozaj ondegoj. En multaj okazoj la empiriaj rimedoj donis bonajn rezultatojn. Sed nur je la fino de la XVII[a] jarcento, la batalado kontraŭ la maro alprenis sciencajn procedojn. Nuntempe ĝi senĉese okazas, helpate per gravega buĝeto kaj sub la direktado de speciala ministerio, tiu de Waterstaat, t. e. la ministerio de l' akvo.

Tiom kiom la historiaj esploroj tion permesis konstati, la metoda batalado estis komencita je la IX[a] jarcento, dank' al la Skandinaviaj Normandoj, kiuj establiĝis en Zelando. Oni

konstruis verajn digojn kaj eĉ sukcesis reakiri kelkajn perditajn teritoriojn.

La grandaj sekigaj laboroj pri la markovrataj ebenaĵoj komenciĝis multe pli malfrue, je la XVIa jarcento, kiu estis la heroa epoko de Nederlando. Je tiu momento la inĝenieroj funde plenumas la specialajn studojn pri la konstruado kaj konservado de la digoj. De tiam, la famo de la Nederlandaj hidraŭlikistoj fariĝis tutmonda. La grandegajn laborojn entreprenitajn atestas la fakto, ke en 1553 oni kuraĝis eksekigi kvin mil ses cent hektarojn de la sala lago Zyp, apud Alkmuide.

Estas rimarkinde, ke al la granda epoko de la batalado por la sendependeco respondas la ĉefaj penadoj por ankaŭ liberiĝi el la atakado de la maro. De 1540 ĝis 1566, dum la milito kontraŭ la Hispanoj, oni regajnis pli ol dek-ses mil hektarojn de tero. Oni kalkulis, ke komence de la XXa jarcento, oni estis reakirinta ĉirkaŭ tri cent okdek mil hektarojn, kio, je la meza prezo de mil kvin cent frankoj po hektaro, reprezentas valoron de 406,700,000 frankoj.

La granda malfacilaĵo por la konstruo de digoj estis ne sole la malofteco de la ŝtona materialo, sed precipe la malbona kvalito de la grundo. Ofte oni fosas, fosegas, sed oni renkontas nur movemajn kaj foriĝemajn grundojn, duonlikvidajn, sur kiujn estas neeble starigi monumenton de tia pezo. Oni scias, ke preskaŭ la tuta urbo Amsterdam estas konstruita sur vera arbaro de fostoj. Por doni sufiĉan fundamenton al la granda turo de la ĉefpreĝejo de Utrecht, oni devis starigi multajn tavolojn de bovfeloj netrapenetrebligitaj per speciala procedo de tanado. Nur poste oni starigis la cementan fundamenton. Por konstrui la fervojon de Schiedam — la lando de l' junipero — oni devis dum tuta jaro ĉiutage verŝi en la fosaĵojn dudek-kvin vagonojn de sablo. Tiu grandega balasto apenaŭ sufiĉis, por ke la grundo ĉesu disfali sub la reloj. Cetere estas notinde, ke la Nederlandaj vagonaroj estas la plej malrapidaj el Eŭropo pro la malfirmeco de la tero.

Oni komprenos, kia laboro devas esti la preparo de la subgrundo de tiuj digoj, kies meza alteco atingas dek metrojn, kaj la larĝeco varias de kvin-dek ĝis cent. Oni ilin kvazaŭ alligis je granitblokoj venigitaj el Norvegujo. La defendo ĉe la marflanko konsistas el speco de deklivaĵo, kontraŭ kiu la ondoj senbrue frapŝaŭmiĝas. Malsupre de la muroj, grandegaj branĉoŝildoj, fiksitaj inter pezaj ŝtonoj, formas tre firman kaj tre efikan defendaĵon.

Sed, kiel ajn malfacila kaj multekosta ĝi estas, la konstruo de digo estas nenio kompare kun sia konservado. Tiu ĉi postulas konstantan kaj kompreneble tre karan kontroladon. Oni kalkulis, ke la granda digo de Westkappel, kiu protektas la insulon Walcheren estus kostinta malpli, se ĝi estus fandmuldita je bronzo kaj provizita je arĝentaj lamenoj. La jaraj elspezoj por tiu digo kaj tiu de Helder postulas dek-kvin milionojn da frankoj.

Sed la Nederlandano ne sole sin okupis pri la defendo kontraŭ la maratakoj; li ankaŭ volis reekspluati la grandajn marĉojn (polder), kiuj etendiĝas preter la digo. Por elŝerpi la starantan akvon, oni dum longa tempo uzis praktikan kaj ŝparigan motoron: la vent-muelilo. Estas kurioze noti, ke tiu procedo devenas el Oriento. Estas efektive la Krucmilitirintoj, kiuj el siaj vojaĝoj realportis tiun procedon kaj enkondukis la vent-muelilon en Germanujon, Nord-Francujon, Belgujon kaj Nederlandon.

La plej granda ĝis nun sukcesinta sekiga laboro koncernas la lagon de Haarlem, veran internan maron de cent kvardek kvadratkilometroj kaj profundan je kvar metroj. Tiu granda akvosurfaco minacis kuniĝi kun la Zuyderzee kaj fari el Amsterdamo insulon. Oni komencis la laborojn en 1840 laŭ la planoj de inĝeniero Leegwater. En tridek-naŭ monatoj la naŭ cent dudek-kvin milionoj de kubikmetroj de akvo estis elĵetitaj en la oceanon. Nuntempe, oni ekatakis la trionon de la Zuyderzee. Tie oni povos regajni 197,670 hektarojn, t. e. la surfacon de provinco.

Kiam oni konsideras la gravecon de tiuj laboroj kaj la akrecon de la batalo kontraŭ la akvo, oni ne plu rajtas miri, ke el tio naskiĝis fiereco ĉe la Nederlando, kiu ankoraŭ ripetas volonte la malnovan sentencon: „Dio faris la maron, kaj ni la bordon."

Parto de tiu bordo cetere estis nature defendita per sablomontetoj. Sed oni ne devas forgesi, ke ĉi tiuj estas esence moviĝemaj kaj ne rezistus longe, se la homo ne helpus la naturon. Dank' al alpropigitaj plantaĵoj oni povis fiksi la sablomontetojn, ilin firmigi kaj ilin kunigi per bastionoj tiel rezistaj kaj malpli karaj ol la digoj.

Esplorfosante tiujn malseketajn kaj moviĝemajn grundojn, oni eltrovis tiujn mirindajn torfejojn, al kiuj eble neniaj aliloke estas komparindaj. La vastaj arbaroj, la grandegaj karbhavaj floraĵoj de la prahistoria tempo malrapide malaperis sub la moviĝema tero, kaj, dank' al ĥemiaj kombinoj, formis tiun elastan kaj duonmolan tavolon, kiun oni tranĉas por ĝin utiligi kiel brulaĵon en la fornoj. Tiuj grundoj estas tiel malfirmaj, ke oni preskaŭ povas ilin kompari kun la moviĝantaj sabloj. La Nederlanda kamparano diras: „Het land leeft" (La tero vivas).

La uzo de la digoj je la militista vidpunkto estis longe studita, kaj oni vidis interesan aplikon dum la nuntempa milito. De longa tempo, la militista aŭtoritato antaŭfiksis la rimedon subakvigi la pli grandan parton de la lando kaj speciale la najbaraĵon de la grandaj urboj. Unua apliko estis farita dum la fama sieĝo de Leyden. La urbanoj volonte oferis siajn bienojn kaj brutarojn por firmigi la rezistforton de sia loko. Vilhelmo la Silentema hezitis uzi tiun ekstreman procedon. „Ĉu oni tranĉigu la digojn?" li demandis. Kaj la respondo estis jesa unuanime.

Trad.: *E. B.*

# * NOTOJ *

∴ **Internacia Defenda Ligo.** — *(Projekto de S-ro O. F. Maclagan).* — Al la plimulto de la pacifistoj, kaj inter ili precipe al la kristanaj, la proponoj de la Ligo eble ŝajnos kontraŭaj al la ideo mem de „Paco". Estas do necese antaŭvidi iliajn kontraŭdirojn. Efektive multaj opinias, ke por atingi universalan kaj daŭran pacon estas necese, ke ĉiuj nacioj interkonsentu plimalgrandigi laŭgrade siajn armilarojn aŭ pli ĝuste ilin tute forigi; aliaj volus, ke ĉiu nacio montru fidon al siaj najbaroj kaj estu, spite ĉio, amikema al ili; aliaj ankaŭ preferus, ke ĉiuj obeu la vortojn de Kristo: „Amu viajn malamikojn". „Faru bonon al ili, kiuj malamas vin", k. t. p.

Sendube estus dezirinde, ke tiuj principoj povu ĉiuj esti akceptataj de la diversaj nacioj; bedaŭrinde, ĝis nun, la menso de tiuj nacioj kaj de la individuoj aparte estas tiel prilaboritaj pro jarcentoj da falsa instruado rilate al la pacaj ideoj, kaj al la bonvolo inter homoj diverslandaj kaj rasaj, ke por atingi la ĉe tiel ofte priparolitan celon „Daŭra Paco Tutmonda" estas necese proponi programon, kiu nek ofendos nek malutilos iun ajn, kaj sekve estos akceptinda de ĉiuj.

Same kiel D-ro Zamenhof donacis al la mondo Esperanton kiel internacian komprenigilon, ne formulante regulojn pri ĝia uzado en iu ajn lando, nek pri ĝia propagando aŭ ĝia direktado, S-ro Maclagan donas sian zorge prilaboritan planon al la mondo kaj lasas al reprezentantoj de la nacioj — elektitaj de la popolo — la efektivigon de tiu programo, kies celo estas „Paco daŭra". La sola kondiĉo

deviga por nacio deziranta aliĝi al la Ligo estas, ke ĝi promesu neniam ataki sian najbaron, dum ĝi mem estos helpata defende en okazo de atako.

Jen nun la programo de la Ligo, kiel ellaborita kaj proponita de ĝia fondinto al la mondo:

Antaŭenigi nacian defendon kaj internacian reciprokan subtenon per influado sur la publikan opinion favore de la sekvantaj interkonsentoj:

*1. Armilaro.* — Ke ĉiu nacio konservu sian nunan armilaron, aŭ tiom da ĝi, kiom estos reciproke konsentite aŭ individue preferite, kaj, ke tiuj ĉi armilaroj estu utiligataj sole kaj ekskluzive por defendaj celoj; tiuj celoj entenos la atakon kontraŭ invadantaj militistoj, kiuj neleĝe okupas fremdan teritorion.

*2. Reciproka Defendo.* — En la okazo, se armitaj militistaroj de iu nacio transpaŝus kontraŭleĝe fremdan teritorion, estos reciproke konsentite, ke ĉiuj kontraktantaj nacioj kuniĝos por helpi la nacion atakitan en ĝia repuŝo de la invadantoj, kaj por remeti ilin je iliaj propraj landlimoj.

*3. Blokado kaj Kompensaĵo.* — La kontraktantaj nacioj reciproke konsentas pri plena blokado de iu nacio, kiu faros tian neleĝan transpaŝon ĝis la tempo, kiam la kulpa nacio estos konsentinta pagi tian kompensaĵon, kian la restantaj nacioj konsiliĝinte decidos.

*4. Konsilantaro de la Nacioj.* — Konsilantaro de la Nacioj formiĝos kun la celo efektivigi la antaŭnomitajn kondiĉojn, kaj estos formita laŭ la sekvanta bazo:

Proporcia reprezentado. — La proporcia reprezentado de ĉiu nacio ĉe la Konsilantaro estos laŭ la Importoj kaj Eksportoj de tiu nacio.

Limigo de povoj. — La Konsilantaro ne estos por mondregado, kaj neniel sin okupos pri la interna regado de la respektivaj landoj.

Precizaj funkcioj. — 1. Malhelpi, ke iu nacio ataku alian nacion je iu ajn preteksto. 2. Aljuĝi pri iu disputo inter nacioj, kiam petite tion fari de ambaŭ aŭ de ĉiuj partoprenantoj en la disputo.

Kiam, post serioza pripensado, la enloĝantoj ĉiuklasaj de la diversaj nacioj, sekve la nacioj mem, estos bone komprenintaj la proponojn entenatajn en la programo de la Defenda Ligo, fariĝos eble iom post iom plimalgrandigi la armilarojn, ĉar tiam fine la mondo estos kompreninta, ke ordo povas regi sen milito kaj bataladoj en la mondo, kiel tuto, kiel jam en ĉiu nacio aparte, dank' al la lokaj leĝaj sistemoj.

Samideanoj, interesataj pri tiu ĉi nova Ligo, petu klarigan broŝuron de la Honora Sekretario de la Ligo, je la suba adreso: To the Hon. Secretary, International Defence League, International Buildings, Legard Road, Highbury, London N.

.·. **Eksplodoj de la marĉoj.** — Estas konate, ke en la marĉoj formiĝas torfo, el kiu en certaj cirkonstancoj kaj post miloj da jaroj fariĝas lignito aŭ karbo. La torfa tavolo kreskas iomete ĉiun jaron; se ĝi atingis certan profundecon, kutime unu ĝis unu kaj duona metro, ĝi ne plu ensorbas plian akvon, ĝi estas satigita. La akvo, devenanta de pluvo, neĝo aŭ de alfluoj, kiu venas en la marĉon, restas do super la torfa tavolo, kaj kun la tempo formas tavolon de fluidaĵo, kiu ĉiam pligrandiĝas. Tamen ĝi ne estas videbla; super la akvo estas denove dika tavolo da musko kaj herbaĵoj, samaspekta kiel iu ajn malbona herbejo. Se oni marŝas sur ĝi, la herbejo iom cedas sub la piedfrapo kiel risorto. Okaze la herbejo bone portas multajn, ne kune starantajn homojn, dum ĉevalo kun rajdanto enprofundiĝas. Se la ŝarĝo estas tro granda, la mola fundo rompiĝas, nigra akvo supreniras kaj la vojiranto, kiu ne povas sin savi per salto sur firman fundamenton, estas perdita. Malrapide lia korpo penetras tiun teruran miksaĵon da herbo, ŝlimo kaj akvo; nenie liaj brakoj kaj piedoj trovas apogilon, senkompate la perfida marĉo lin englutas. Tiel jam multaj miloj da homoj pereis.

Se nun la fluidaĵo kaŝita sub la herbejo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda, ĝi fine trapenetras la herbon kaj estas videbla. Formiĝas truoj plenaj da akvo, poste akvospacoj, lagetoj, ĝis la marĉo ne plu povas kunteni la akvon, tiel ke ĝi forfluas. Tiu elfluado kutime okazas tiel, ke la akvo elfosas ĉe la bordo de l' marĉo sulkojn, en kiujn ĝi foriras, fine formante malrapidajn riveretojn.

Sed se la marĉo estas en profundaĵo, kiel ofte okazas, el kiu pro iuj ĉirkaŭantaj montetoj la akvo ne povas forflui, tiam la akvoamaso ĉiam pligrandiĝas kaj premas kun granda forto sur la apudaj terpecoj. Fine ili ne plu povas rezisti al la terura premego, la barilo, kie ĝi estas plej malforta, rompas, kaj la tuta marĉo elŝprucas subite, kiel detruiga rivero de lafo, subakvigante la plenan ĉirkaŭaĵon sub siaj amasoj de nigra ŝlimo. Kampoj kaj arbaroj dronas en tiu nehaltigebla, duonsolida miksaĵo. Se domoj aŭ vilaĝoj estas proksime, ili estas enterigataj; konstruaĵoj, homoj kaj brutaro pereas en unu momento.

Tiaj eksplodoj de marĉoj plej ofte okazas en arktaj regionoj. En Siberio kaj Islando jam multaj kampdomoj kaj tutaj vilaĝoj malaperis sub la ŝlimo. Malfeliĉe estas, ke tiu natura procedo neniel sin avertas. Senkulpe, tute trankvile, kiel ĉiam kuŝas la marĉo, subite ĝi disŝiras siajn ĉenojn kaj kun ega rapideco alsaltas la malfeliĉajn loĝantojn aŭ homojn. — *Ed. St.*

.·. **Interesa eltrovaĵo de antaŭ-semida tabuleto.** — D-ro Langdon de Oxford, asiriologisto, vizitante la muzeon de Philadelphia lastan oktobron, kopiis kelkajn tabuletojn de la Nippur kolekto. La surskribo estas laŭ la Sumeria stilo, t. e. laŭ la uniforma alfabeto uzita de la antaŭ-semida loĝantaro de Babilonio. Inter ĉi-tiuj tabuletoj estas unu, kiun D-ro Langdon priskribas jene: „Sendube la originalo de la rakonto pri la mond-superakvego laŭ Genezo."

Plie la sama tabuleto surhavas aludon al la falo okazinta pro la manĝado de la frukto. Ĉi-tiu aludo pri la falo estas la unua, kiun oni renkontas en la babilonia literaturo. La tabuleto devenas de la frutempa biblioteko de Nippur, kiu estis detruata dum invadis Babilonion la Elamidoj je la edoko de Abrahamo; nuntempe la tabuleto kune kun aliaj troviĝas en la muzeo de Philadelphia.

Unu el ĉi-tiuj gravuritaj tabuletoj figuras al ni himnon al Nimtud, kiu, laŭ la legendoj de Babilonio, estis la kreintino de la homaro. Sur ĝi troviĝas la Babilonia rakonto pri la mondsuperakvego, kiu akordas kun la rakonto de la biblio, pri la nomo de la patriarĥo, kiu pro sia pieco estis savata de la katastrofego, kontraste je la fama rakonto laŭ la Kaldeanoj, eltrovita de George Smith en 1872.

Ankaŭ la rakonto akordas kun la biblio, ĉar la savito estas nomata *Nŭhu* (Noa), kiu estas enskribita kiel ĝardenisto aŭ terkulturisto; ankaŭ ĝi sciigas, ke la superakvego daŭris dum naŭ monatoj. Laŭ la tabuleto, post la superakvego Nŭhu similiĝis je la dioj, esprimo, kiu signifas, laŭ la tradukantoj, ke li ricevis donacon de longdaŭra vivo.

Laŭ la rakonto, Oannes, la Babilonia dio de akvo, instruis al Nŭhu la sekretojn de la naturo, kaj al li malkaŝis la saĝecon de la dioj. Je ĉi-tiu punkto de la tabuleto la surskribo ekinterrompiĝas. Notinde estas, ke ĉi-tiu malkaŝiĝo de saĝeco estas priskribita de Berossus, kiu verkis je la tempo de Nebuchadnezzar. Sekvas la rimarkinda historio de la falo kiel puno; la manĝinto perdis la eternan vivon, aŭ laŭ la tradukantoj vivon longdaŭran, pro la malpermesita manĝo de la arbo de la vivo.

La rakonto priskribas interdisputon inter Ninharseg aŭ Nimtud la kreintino de homaro, kaj lia edzo Enlil.

Laŭ tiu rakonto oni rimarkas, ke male je la biblia rakonto, estas Noa, ne Adamo, kiu estas tentita kaj kiu cedis al la tento.

En ĝi oni parolas pri la kasio, anstataŭ la arbo de la vivo, sed la identeco estas notinda. La kasio estas la plej grava el ĉiuj medicinaj kreskaĵoj de longpasintaj tempoj, kaj eble el ĉi tiu kreskaĵo devenas la ideo pri la arbo, kiu donacas la eternan vivon. La koncepto pri la arbo de saĝeco estas ideo propra je la Hebreoj. En kelkaj el la babiloniaj tekstoj la kasio estas nomita la arbo de la serpento, kaj eble estas, ke la rompita parto de la tabuleto surhavis la priskribon pri la tento. — Laŭ *„The Times"*, trad. *F. A. Goodliffe* (Del. Letchworth).



## LITERATURO



# Bombardado dum la nokto

Trankvile forpasis la tago, sen iu ekstera movo. La kontraŭa linio ŝajnas mortinta. M. rampis ĝis oficira kasko, kiun li kaŝrigardis flanke de kadavro, kaj alportis ĝin: nenia pafo. V. diras al mi: „Tion mi ne ŝatas. Ili preparas ion. Tamen, ni povis iom fosi kaj restarigi la randmureton.“ Je la kvina horo, ĉe la vesperiĝo, siblanta skuado rulfaligas teren kelkajn sakojn. Estas ĉio. Mi kontroliras: la streĉita orelo aŭdas nenian alian bruon, ol la tre malproksiman, preskaŭ ne kapteblan, blekon de noktobirdo.

Je la naŭa, mi iras en mian kajuton por vespermanĝi. Sola mi estas; tro da minacoj pezas super ni, por ke V. kaj G. forlasu siajn postenojn. C. jam instalis mian teleraron sur malplenan keston; li ion metas sur kuirlampon, kiun li ekbruligas, kiam subite, la subtera ĉambro tremas, mia kandelo flagras, la flamo de l' alkoholo pligrandiĝas. La tero enpenetras malrapide. Mi aŭdas ekstere ekkrII. „Nenio rompita?“ demandas C., tordante sian torson tra la mallarĝa aperturo. Li reeniras: „Nenio. Malspritaĵoj. Sed ili ĵetaĉis teron en miajn pizetojn!“ Bum! la tero ankoraŭ tremas. Mi aŭskultas, dum li grumblas: „Jen, vi denove manĝos malvarme.“ Mi englitas en mian tranŝeon, kie regas mortsilento.

— Kien ĝi falis?

— Dekstre, mia leŭtenanto, respondas voĉo en la mallumo. Atentu, jen ili estas ree...

Ĝuste la tempo min alĵeti kontraŭ la parion kaj la randmureto eksplodas je kvindek metroj, elsputante fajreretojn, kiel pavimo sub ĉevalhufo; garboj de fumo, pli nigraj ol la nokto, supreniĝas, dum el ĉiuj flankoj zumadas... Ankoraŭ! Ankoraŭ! Fulmoj fleksas miajn ŝultrojn, io krakas super mia kapo kiel tondro, ŝprucaĵoj de ŝtalo frapfalas, kaj ĉion denove kovras silento, plena silento, tra kiu forflugas terura kaj akrega ĝemo: sendube la pintarko de ŝrapnelo, kiu laŭhazarde turniĝas kaj perdiĝas en la mallumo.

Mi ne tre kredas je nokta atako. Sed multaj homoj havas kiel ŝirmejon ĉelojn nur rapide fositajn en terparioj, kies reziston ili cetere endanĝerigas; se la bombardado persistas, mi havos perdojn, kaj ĝi ja ne haltas. Meze de la sibladoj kaj eksplodoj, mi aŭdas la voĉon de C., kiu krias tra miaj kruroj: „Mia leŭtenanto, revenu; por kio utilas, ke vi estu tie?“

Prava li estas. Mi ree malsupreniras en mian truon, kaj malkviete ekmanĝetas. La skuoj senhalte sekvas unu la alian, la eksplodoj ruladas laŭlonge de la tranŝeo, varmaj blovoj krude enpenetras la rifuĝejon kaj tremigas la kandelon; brulanta stalpeco alrulas ĝis mia piedo. C. prenas ĝin kaj sopiras ironie: „Kaj oni diras, ke ili ne plu havas municiojn!“ Fine, tiu neklarigebla persistado min nerve incitas. Mi ekfunkciigos barpafadon. „Telefonisto, voku la komandanton“. La frapsonorileto insiste ripetas sian nazosonan alvokon. „Mia leŭtenanto, la komandanto ne respondas.“ Verŝajne la linio estas rompita. Estus rimarkinde, ke la telefono estas ĉiam rompita, kiam oni bezonas ĝin.

Mi skribaĉas sur paperfolio; komunikisoldato malfacile tion transdonos, sub tiu pafado; sed oni ja devas. „C., voku la unuan marŝpretan.“ Li trifoje krias por sin aŭdigi tra la silento. Prezentiĝas H., kiu lasas sin gliti tra la aperturo. „La telefono estas rompita, mia. Penu iri ĝis la komandanto kaj donu al li tion. — Jes. — Iom da ‚stimulilo'? — Se vi volas.“ Li trinkas, metas la komunikaĵon en la borderaĵon de sia vestaĵo, salutas kaj foriras. — Oni lin iam retrovis en la trairejo, je kvindek metroj de la tranŝeo, mortigitan per obuso je la nuko.

Terura nokto! La horoj forpasas, kaj la bombardado pliakriĝas. Ĉio tremas kaj tondras, kun potencaj kaj surdaj sonoj. Odoro de pulvo kaj sulfuro pleniĝas la rifuĝejon, kaj ni enspiras nur polvon kaj fumon. C. provas etendi kurtenon antaŭ la enirejo, sed la eksplodblovoj ĝin krevigas aŭ elŝiras kaj albatas nin en la vizaĝon, kiel pugnofrapoj; la kandelo falas, kaj ni ne rebruligas ĝin; mi restas en la nigraĵo, aŭskultante la elkatenigitan morton, kiu frapas, ŝiras, siblas, kiu esploras la teron kaj la nokton. Miaj soldatoj estas ĉi-sube, sen ŝirmejo. Kiom mortis? Kaj ĉu la vivantoj povos repuŝi la malamikon, se ĝi atakas? Mian tutan kuraĝon kaj mian energion mi bezonus, por rezisti al tiuj pensoj; sed mian kuraĝon estas disrompanta la senlace ripetita frapado de la pezaj obusoj... Mi deziras dormi, kiel ĉiam kiam la kanono persistas; kaj per ĉiuj miaj nervoj mi devas reagi por ne esti venkata. C. sidiĝis ĉe angulo, sub sia kovrilo kaj kvankam la plafono fleksiĝas, li ne plu moviĝas. Ĉu li dormas?... Je iuj momentoj, okazas granda silento, kiu etendiĝas kiel freŝa fluo. Oni spiras kaj refortiĝas, kaj denove oni aŭdas malproksime — tra kiuj montetoj? — obtuzajn kaj surdajn sonojn, kvazaŭ iu elsaltus en la spacon frapante per kalkano sur saltoplanko; estas la inferaj baterioj, kiuj rekomencas; apenaŭ kelkaj sekundoj forpasas, kaj jam kun kreskanta spiregado la grandegaj obusoj peze falas. Mi imagas la trankvilan laboron de la artileriistoj ĉirkaŭ la monstraj kanonoj direktitaj al la ĉielo: la servantoj alportas la kartoĉegon; la celisto blokas la tubfundon kaj tiras la ŝnuron, kaj la kanono blekegas kiel dogo, elsputas rapidan flamon, reiras tra la fumo; ĉio tio tre malproksima, en la kvieto de la kamparo. Kiom da montetoj, da arbaroj, da herbejoj obstinege furiozas kontraŭ la mizera fosaĵo, kie ni kaŭras? Mi provas distingi la kalibrojn por tiri penson el la malvigleco, kiu ĝin kaptas, sed mi rapide konfuziĝas en tiuj eksplodoj. Nevenkeble, ĉiuj vivfortoj kuntiriĝas inter tiuj du sekundoj, la estanta — kiam la obuso eksplodas, la estonta, kiam la sekvanta obuso jam siblas. Tiu senĉesa korpremo senfortigas. Oni forgesas la morton, kiu vin serĉas: dormi, dormi por ne plu aŭskulti, por ne plu aŭdi, por forgesi tiun inferon...

Kiom da horoj tiel fluas sub tiu metoda premego!

Subite ŝajnas al mi, ke ĝi estas malpli densa; pala ektagiĝo tremas je la eniro de mia rifuĝejo; mi elsaltas eksteren, al la malvarma aero, kiu redonas al mi klarvidon. Jen la danĝera momento. „Atentu, miaj amikoj, kiam oni ne plu bombardas, oni ekatakas.“ Unuj stariĝas kaj ekpurigas la tubfundon de sia pafilo, kaj aliaj, idiotŝajnaj, min rigardas, ne komprenante; ĉiuj havas vizaĝon malviglan, lacan, terkoloran.

Ĝis nun la obusoj falis sendifekte, sed kuŝas sennombraj disrompaĵoj de klara, akra kaj tranĉa stalo. Ha, jen! trans vojeto, mi renkontas grundan disfalon longan je dek metroj, kie svarmas ne ekipitaj viroj, fosantaj rapide, fosantaj kiel formikoj. V., terkovrita estas tie, kaj direktas ilin. „Devas esti tie-ĉi sube ok malfeliĉuloj enterigitaj de du horoj. Nenia ebleco veni pli frue. Kia noktaĉo!“

Kaj kun laca rideto, li aldonas:

— Kaj ĉio tio ĉi eĉ ne estos en la komunikaĵo!

*L-to R.*

Trad.: *E. B.*

---

# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**

# Bileto de blankbarbulo

## Stoikaj paĝoj

*al militkaptita filo*

*Ja homo, kiam al iu li faris servon, sian servon fakturas rapide. Alia homo ne tiel rapidas; tamen, en si mem, li sin opinias kvazaŭ ŝuldanto kaj konscias, kion li faris. Tria fine ne plu scias, kion li faris: li similas la vinberujon, kiu portas sian beraron kaj nenion plu postulas, kiam ĝi naskis sian naturan frukton; li similas la ĉevalon, kiu kuris, la hundon, kiu ĉasis, la abelon, kiu faris sian mielon. La homo, kiu bone agis ne „krias" sian bonfaron, sed iras al alia bonfaro, kiel la vinberujo portos denove sian beraron, kiam venos la aŭtuno.*

*Ensume ekzistas unu harmonio. Kiel la mondo, tiu grandega korpo, konsistas el ĉiuj korpoj, tiel la destino, tiu grandega kaŭzo, konsistas el ĉiuj kaŭzoj.*

*Ni do akceptu ĉion, kio okazas, kiel tion, kio ordonas al ni kuracisto. En liaj receptoj ankaŭ troviĝas multaj malagrablaĵoj, sed ilin ni volonte akceptas, esperante resaniĝon. Estu por vi la plenumado kaj fino de la aferoj, kiuj ŝajnis bonaj al la komuna Naturo, kiel la saneco; akceptu same ĉion, kio okazas, eĉ se tio ŝajnus al vi tro akra, kun la penso, ke tiel vi agas por la saneco de la mondo, por la sukceso kaj feliĉa plenumo de la diaj intencoj.*

*Vi sekve amu tion, kio al vi okazas pro du motivoj: unue, ĉar ĉio tio ĉi por vi estis farata, por vi ordonata kaj, tuj de la komenco, en la fadenaĵo de via vivo kunteksata laŭ plej antikvaj kaŭzoj; due, ĉar ĉio, kio okazas, eĉ al iu estaĵo speciale, kunlaboras por la sukceso, la perfekteco kaj la daŭro mem de tiu, kiu la Tuton regas. Kaj vere la Tuto estus kripligata, se vi forprenus ion el ĝia kunligado kaj kundaŭrado tiel en ĝiaj partoj, kiel en ĝiaj kaŭzoj mem, kaj vi ĝin laŭpove kripligas, kiam vi malakceptas la okazintaĵon kaj, por tiel diri, vin mem detruas.*

*Ne perdu kuraĝon nek esperon, se vi okaze ne ĉiam agas laŭ tiuj ĉi veraj principoj, sed post malsukceso revenu al ili kaj ilin amu, ĉar tiel vi montros, ke ne malfacile estas obei la racion, en kiu vi trovos kontraŭe vian ripozon.*

*El* Marko Aurelio.
*Trad.:* Th. Cart.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Deutsch Gabel:* La rondeto por la studado de nia lingvo, kiun S-ro A. Ŝilov starigis inter la rusaj militkaptitoj, estas firme starigita kaj havas videblan sukceson. — *Olomouc:* Okazis sukcesa festo je la honoro de S-ro Kap. R. Oesterlein forironta, kiu dum sia restado en la urbo renkontis ĉies simpation. S-ro P-ro Murath gvidas du kursojn en la reallernejo kun entute 45 lernantoj. — *Wien:* S-ro Schamanek komencis konversacian kurson. Ĉe la kunvenejo de la Aŭstria Katolika Ligo Esp., S-ro Schamanek paroladas pri la historio kaj literaturo de nia lingvo.

## Britujo.

*Burnley:* Okazis en Rawtenstall festeto okaze de la vizito de samideanoj el Burnley, Accrington, Blackburn, Bury kaj Colne. — *Liverpool:* La aferoj de la grupo bone progresas, spite la multaj malfacilaĵoj de la milito. — *London:* S-ro Montagu C. Butler faris paroladon ĉe la Monda Ordeno de Socialismo. Okazis diskuto tre favora al nia lingvo. La semajnaj kunvenoj de la Londona Klubo estis lasttempe aparte interesaj.

## Francujo.

*Beauvais:* S-ro Demarcy, prez. de la Esp. Grupo, eldonis bonan franclingvan propagandilon „Al la amikoj de l' instruado" traktantan pri la utileco de nia lingvo por korespondi kaj vojaĝi. — *Cosne s. Loire:* Kun la permeso de la unuagrada inspektoro, F-ino Monsinjon faras ĉiusemajne publikan kurson. — *St-Leu-la-Forêt* (S.-O.): La grupo „Amika Unuiĝo" aranĝis Esp. kursojn, kiujn gvidas S-ro E. Loison, Del.

## Germanujo.

*Germana Esperantisto* (N-ro 2) aperigas en speciala aldono la tekston de la parolado de S-ro deputato Steche ĉe la dua Ĉambro de la Saksa Parlamento la 1 februaro 1916; ĝi estis simpatie akceptita de la deputataro. — *Breslau:* S-ro Mahn faris paroladon, sekvitan de kurso, ĉe la Liberreligia Komunumo. — *Cöln:* S-ro J. Wilbert, Del., publikigis en la grava gazeto „Die Kölnische Volkszeitung" longan kaj tre dokumentitan artikolon, kiu havis bonan propagandan sukceson. — *Essen:* En „Dreilindenhof" okazis speciala sukcesplena festo de la grupo. S-ro Pillath antaŭ 300 personoj efike paroladis. — *Frankfurt a. M.:* S-ro D-ro Rausch gvidas kurson por komencantoj kaj S-ro Barthel kurson por progresintoj. — *Frankfurt a. O.:* F-ino Henschel gvidas novan kurson. — *Schweidnitz:* S-ro Stabler gvidas kurson kun 32 lernantoj, kaj S-ro Pindur alian kun 20 soldatoj.

## Nederlando.

*Venlo:* Stariĝis kurso kun 20 partoprenantoj sub gvidado de S-ro Van Leerdam.

## Hispanujo.

*Palma de Mallorca:* La Del. de UEA, S-ro Narciso Bofill, por propagandi Esperanton, konigi nian Asocion kaj varbi novajn membrojn al nia movado, dissendis tra insulo Mallorca per ĵurnalo „La Almudaina" grandan nombron da propagandfolioj; ankaŭ li sendis tiujn ĉi propagandilojn al ĉiuj geinstruistoj, lernejoj, societoj, k. t. p.

## Portugalujo.

*Lisbono:* La 18 februaro ĉe la salono de la Portugala Societo Ruĝa Kruco S-ro Saldanha Carreira faris paroladon pri Esp. kaj la Ruĝa Kruco, elmontrante la neceson de la uzado de nia lingvo ĉe la ambulancoj kaj hospitaloj. Lisbona Esp. Societo intencas peti de la ministro de la militaj aferoj, ke permeso estu liverata al serĝentoj por ilia ĉeesto al kursoj de Esperanto. Bonaj artikoloj de S-ro Manuel Fontes aperis en la gazeto „Economia". La grava firmo de Porto S-roj Claus & Schweder aperigis bonan markon de Esperantistaj sapetoj kaj firmo en Lisbono baldaŭ aperigos novan markon de kolumoj „Zamenhof".

## Rusujo.

*Baku:* Kelkaj lernantoj fondis Esp. rondeton de junuloj. — *Blagoveŝĉensk ĉe Amuro:* La tiea societo malfermis kursojn kun 90 lernantoj. — *Ĉita:* S-ro Taubmann, aŭstria militkaptito, gvidas la trian Esp. kurson, kiu havas bonan sukceson. — *Jurjevo:* Estis aranĝitaj novaj kursoj. — *Kiew:* Formiĝis rondeto inter la lernantoj de la dua komerca Lernejo. Dum sia trapaso S-ro P-ro Ch. Richet,

Nobelpremiulo, akceptis la reprezentantojn de la Kiew'aj Esperantistoj. — *Kirzanov* (gub. Tambow): S-ro G. Travaglia, itallingva militkaptito, propagandas inter militkaptitoj. — *Orel:* En la vira gimnazio organiziĝis rondeto por la studo de nia lingvo. — *Petrogrado:* S-ro A. M. Nedoŝivin faris raporton pri Esp. ĉe la societo de librotenistoj kaj ekonomiistoj; ĝi havis grandan sukceson. — *Tiflis:* S-ro A. D. Pagirev paroladis antaŭ poŝttelegrafaj oficistoj; 24 sin enskribis por kurso, sub gvidado de S-ro A. D. Pagirev. Ĉe la loka Esp. societo D-ro A. Fiŝer komencis ĉiusemajnajn kursojn.

## Brazilujo.

*Campo Grande* (Ceara): Pastro Olegario Memoria malfermis kurson. — *Caxias* (Mar.): S-ro V. C. Ferreira e Silva intencas fondi grupon. — *Coimbra* (Minas): La gazeto „A Voz da Serra" malfermis Esp. fakon. — *Cuyabá* (Matto Grosso): S-ro E. R. de Siqueira publikigas Esp. kurson en la gazeto „A Liça". — *Maranhão:* La grupo festis la datrevenon de D-ro Zamenhof per solena kunveno, dum kiu oni decidis la malfermon de tri kursoj. — *Pelotas* (Rio Grande): F-ino M. Eulalia da Costa finis kurson ĉe la Agronomia Lernejo. — *Recife* (Pernambuco): La 4ª Brazila Kongreso de Geografio voĉdonis deziresprimon favoran al nia lingvo, laŭ iniciato de S-ro D-ro A. Boiteux. — *Rio de Janeiro:* Aperis bonaj artikoloj en diversaj urbaj gazetoj. La virina Klubo aranĝis sukcesplenan feston. La gazeto „A Trombeta" publikigis tradukon de la letero de D-ro Zamenhof al la diplomatoj.

## Urugvajo.

*Montevideo:* Okazis la unua kunsido de Esperantistoj en kafejo Vaskonia. La kunveno estis tre vigla. Preskaŭ ĉiuj kunsidanoj apartenas al UEA.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Kalkuloj de la 11ª Kongreso de Esperanto.** — En la marta N-ro de „*British Esperantist*" aperis la konteltiro de la dekunua Universala Kongreso, kiu devis okazi en Edinburgo dum somero 1915. Ĉar multaj el niaj legantoj ne bone konas la anglan monsistemon, ni montras la sumojn en frankoj, laŭ rilato 1 funto = 25 frankoj.

| *Enspezoj* | | *Elspezoj* | |
|---|---|---|---|
| Donacoj . . . . . . . . | Fr. 1548. 75 | Donacoj repagitaj . . . . | Fr. 1547. 50 |
| Kotizaĵoj: 30 po 15, 7 po 10, malpli poŝtaĵo . . . . | „ 519. 15 | Kotizaĵoj repagitaj . . . . | „ 340. — |
| Vendado de meblaro . . . | „ 368. 75 | Vojaĝoj . . . . . . . . | „ 119. 40 |
| Garantia Kapitalo . . . . . | „ 831. 85 | Pago al la poŝtisto . . . . | „ 52. 50 |
| Bankaj interesoj . . . . . | 37. 20 | Fotografaĵoj . . . . . . . | „ 50. 60 |
| | | Lupago kaj imposto . . . | „ 120. 10 |
| | | Materialo kaj meblaro . . . | „ 510. — |
| | | Presaĵoj kaj poŝtelspezoj . | „ 385. 60 |
| | | | Fr. 3125. 70 |
| | | Deponita en la Skotl. Banko | „ 180. — |
| | Fr. 3305. 70 | | Fr. 3305. 70 |

(Ĉar ni kalkulis la pencon po 10 centimoj, kaj 12 pencojn = 1 ŝilingo po Fr. 1. 25, estas malgranda diferenco en la centimoj.)

La kontrolisto de la kalkuloj, S-ro D. R. Tullo, Del. de UEA, raportas, ke ĉio estas en bona ordo, kaj ke la deponitaj 180 frankoj reprezentas la sumon de la germanaj kotizaĵoj, kiujn nuntempe oni ne povas redoni.

Rimarkinde estas, ke donacoj kaj kotizaĵoj estas plene repagitaj, tiel ke por la preparaj elspezoj oni devis uzi la Garantian Kapitalon, kiun verŝajne oferis la Edinburganoj. Ni kredas paroli en la nomo de ĉiuj Esperantistoj, se al S-ro Warden kaj al lia ŝtabo de kunlaborantoj kaj kunpagintoj ni esprimas sinceran dankon kaj la grandan bedaŭron, ke la kongreso ne povis okazi.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Poŝtaj komunikoj.** — De kelkaj semajnoj, pro plia severeco de la cenzuro, Esperantaj leteroj kaj presaĵoj estas pli malfacile ol antaŭe enlasataj en la militantajn landojn, speciale en Francujon, Germanujon kaj Italujon. Ni faris kaj faras diversajn klopodojn por ŝanĝi tiun staton, kiu grave malhelpas la internaciajn Esperantistajn rilatojn dum la milito, sed la kondiĉoj estas tiaj, ke estas malfacile atingi ĉiean plibonigon, ĉar plej ofte la Esperanta trafiko ne estas sufiĉe grava, por ke la diversaj cenzuroficejoj estu devigataj elekti ankaŭ Esperantistan cenzuriston.

La personoj, kiuj ne ricevas Esperantajn leterojn aŭ gazetojn, bonvolu skribe plendi ĉe la poŝtoficejo aŭ cenzuroficejo de sia loko.

La gazeto „*Esperanto*" estas regule sendata el Svisujo inter la 5ª kaj 7ª de ĉiu monato.

La *Oficiala Jarlibro* estas sendata al ĉiuj membroj pagintaj la kotizaĵon por 1916 kelkajn tagojn post ĝia ricevo ĉe la Centra Kaso de UEA.

La personoj, kiuj ne ricevas unu aŭ la alian de tiuj eldonaĵoj, bonvolu nin informi pri tio por ke ni notu la fakton, — sed novan ekzempleron ni povos resendi nur tiam, kiam la poŝtaj komunikoj estos plibonigitaj kaj ni havos la certecon, ke niaj sendaĵoj trafos la adresaton.

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 29 februaro estis enkasigitaj 1324 kotizaĵoj (el kiuj 60 subtenantoj). Krom tio estas 144 dumvivaj membroj. Sume: 1468. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 48.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato februaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,111 | 1,304 |

*Tuta sumo:* 2,415. (Antaŭa monato: 3,850.)

**Novaj Delegitoj.**

*Cheste* (Hispanujo, Valencia). — D.: S-ro Maner Sanchez, str. San Francisco.
*Crowley* (Usono, Louisiana). — D.: S-ro J. G. Haupt.
*Fairbanks* (Usono, Alaska). — D.: S-ro W. D. Wheeler, ministro, Box 668.
*Hammond* (Usono, Louisiana). — D.: F-ino Ella M. Siple.
*Louisville* (Usono, Kentucky). — D.: S-ro D-ro Robert Wallace, 1218 S., 28th St.
*Milleville* (Usono, Arkansas). — D.: S-ro R. A. Mac Intyre.
*Oilfields* (Usono, Cal.). — D.: S-ro E. E. Tiffany, Box 64.
*Port Orford* (Usono, Oregon). — D.: S-ino L. E. Hubbard.
*Rockford* (Usono, Illinois). — D.: S-ro Karl Froeding, 417, 7th St.
*Sonora* (Usono, Cal.). — D.: S-ro Niels J. Jörgensen.

**Adresŝanĝoj.**

*Madrid* (Hispanujo). — VD.: S-ro J. Ramirez Sanchez, 15—20, Martin de Vargas.
*New York* (Usono). — D.: S-ro J. Silbernik, 235 E., 18th St.
*Orel* (Rusujo). — D.: S-ro B. A. Popov, Bolŝaja Mescanskaja—dom. Larionova.
*Winterthur* (Svisujo). — D.: S-ro E. Schauenberg, Winterthur-Veltheim.

Provizore ne plu estas Delegito en:
*Montauban* (Francujo, Tarn-et-Garonne).

# La morto de H. Bolingbroke Mudie

## Kondolencaj esprimoj

Gesinjoroj Mudie deziras esprimi sian korsentitan dankon pro la multego de bonkoraj esprimoj de simpatio ricevitaj de ili pri la antaŭ nelonge okazinta mortiga akcidento al sia sola filo. Pro tio, ke la ricevitaĵoj estas tro grandnombraj por apartaj respondoj, ili petas, ke oni afable akceptu ĉi tiun kiel dankan leteron al ĉiu.

* * *

De S-ro B. Martins d'Almeida, Del., Lisbono:

„... La Esp-ianoj de Lisbono ricevis malĝojan impreson kaj petis, ke mi prezentu al Esperantio la esprimon de iliaj kondolencoj. Tion mi faras ne nur je ilia nomo, sed ankaŭ je mia nomo mem, kaj profitas la okazon por sciigi vin, ke la Lisbona gazeto ‚Diario de Noticias' publikigis informon pri la malfeliĉa okazaĵo, kiu pereigis nian prezidanton."

De S-ro F. Rockmann, el Magdeburg, komitatano de UEA:

„Okaze de la peza, mi povus preskaŭ diri neriparebla perdo, kiun suferas nia UEA pro la mortiga akcidento trafinta nian honoratan prezidanton, mi esprimas mian tutkoran kondolencon. Li multe utilis al ni; ni klopodu pluen labori laŭ lia direkto."

De F-ino A. Tuschinski, Del., Danzig:

„Profunde kortuŝite pro la perdo de nia altestimata kaj ĉie amata prezidanto de UEA, ni emocie sendas nian kondolencon al la tutmonda Esperantistaro".

De S-ro F. Piñol, Del., Barcelono:

„Ricevu nian plej sinceran kondolencon pro la morto de nia neforgesebla Prezidanto. Esperanto kaj nia Asocio perdis unu el la plej fervoraj kaj entuziasmaj pioniroj.

El kondolenca letero de S-ro Ch. Brunet, Del., Bordeaux, kiu persone konatiĝis kun nia Prezidanto dum lia vizito en Bordeaux, tiu karakteriza rememoro pri la elturniĝemo de Mudie, tiel ŝatita de la karavanuloj:

„... Mi volis montri al li la spektakloĉambron de nia ‚opero', sed bedaŭrindege oni ne permesis al ni ambaŭ eniri. Mi diskutadis ĉe la pordistino pri tio kaj klarigis, ke la fremdulo ne povus reveni. Kiam mi finis la interparoladon, Mudie ne estis plu tie, sed uzante nian komunan neatenton, li estis suprenirinta kaj vizitadis la ĉambron. Kelkajn minutojn poste li revenis, kaj kun rido afabla li diris: ‚Ĝi estas belega; domaĝe, ke vi ne povis supreniri kun mi', kaj ni foriris: mi, tre mirigita, la pordistino ankoraŭ pli, nur Mudie kontenta pri la petolaĵo."

De S-ro L. Istel, Del., Wiesbaden:

„Kun granda doloro mi vidis en la lasta N-ro de nia ĵurnalo, ke nia tre estimata prezidanto perdis sian vivon pro aŭtomobila akcidento, kaj mi esprimas al vi mian koran kaj sinceran simpation okaze de tiu malĝojiga perdo. En via artikolo vi diris ĉion, kio povis esti dirita pri la tiel subite el nia rondo malaperinta ideala homo, kiu certigis al si daŭran memoron en nia movado kaj en nia asocio, kies animo estis penetrita de la ideo pri komuneco de la popoloj, kaj kiu por tiu celo oferis grandan parton de sia ekzisto. Lia morto estu duobla instigilo, ke ni restu fidelaj al nia grava afero, al kiu nepre apartenos iam la estonto."

De S-ro K. v. Frenckell, direktoro de Germana Esperanto-Asocio:

„... Pri la mortiga akcidento de S-ro Mudie ni aŭdis kun profunda ĉagreno. Estas neriparebla perdo por la Esperanto-movado."

* * *

La 13 februaro, ĉe la Harecourt-preĝejo en Londono, okazis Diservo je la memoro de Bolingbroke Mudie. Ĉirkaŭ tri cent samideanoj ĉeestis. Post preĝoj kaj kantoj, S-ro Kol. Pollen kortuŝe rememorigis pri la kara mortinto. La bela Diservo lasos neforgeseblan impreson al ĉiuj ĉeestintoj.

* * *

Krono kaj rememoriga ŝtono estis deponitaj de la Parizaj Esperantistoj ĉe Forges-les-Eaux (loko de la tombejo).

* * *

*H. B. M. — An Appreciation.* — Sub tiu titolo la BEA eldonis luksan rememorigan broŝureton pri nia mortinta amiko. Ĝi estas ricevebla de la Oficejo de British Esperanto-Association kontraŭ du respondkuponoj.

# Pri teknikaj Vortaroj

## Elektro-teknika Vortaro

En la sveda Esp. gazeto *„La Espero"*, ni trovis la suban vortliston, kiun ni represas, ĉar ĝi estas utila por la kompletigo de la vortaroj. Ni aldonas germanan, francan kaj anglan tradukojn kaj kelkajn rimarkojn.

*Akumulatoro.*
*Aliecigi:* transformera, umformen, transformer, transform.
*Alterna fluo:* växelström, Wechselstrom, courant alternatif, alternating current.
*Alttensio:* högspänning, Hochspannung, haute tension, high tension.
*Ampero* aŭ *Ampère.*
*Arklampo:* baglampa, Bogenlampe, lampe à arc, arc lamp.
*Armaturo:* armeringsjärn, Armatur (Bewehrung), armure, armour.
*Baterio.*
*Bobeno:* spole, Spule, bobine, spool.
*Brazi:* löda, löten, braser, solder.
*Brazilo:* lödkolv, Lötkolben, fer à souder, soldering iron.
*Cirkuito,* vidu *flurondo.*
*Derivlinio, derivkonduktoro:* grenledning, Abzweigung, dérivation, branch conduct.
*Dielektriko:* isolerande ämne, Isolierstoff, un diéléctrique, isolating material.
*Dinamo.*
*Disrompilo:* strömbrytare, Unterbrecher, interrupteur, interrupter.
*Dufaza:* tvafasig, zweifasig, biphasé, two phased.
*Elektristo.*
*Elektri* aŭ *elektrizi:* elektrisera, elektrisieren, électriser, electrify.
*Elektrodo. — Elektrodinametro. — Elektroforo. — Elektroskopo. — Farad* aŭ *Farado.*
*Fluo, samsenca fluo* aŭ *kontinua fluo:* likström, Gleichstrom, courant continu, continuous current.
*Flukondukilo:* strömförare, Stromleiter, conducteur, conductor.
*Flurondo:* strömkrets, Stromkreis, circuit, circuit.
*Galvana, galvanizi, galvanometro.*
*Induki, induktoro.*
*Inkandeska lampo:* glödlampa, Glühlampe, lampe à incandescence, incandescent lamp.
*Interruptoro* vidu *disrompilo.*
*Izoli.*
*Ĵulo* aŭ *Joule.*
*Kanaligo:* installation av ledningstradar, Einlegen von Leitungen, canalisation, canalisation.

*Kandelo, kandelintenseco.*
*Kapacito.*
*Klemo:* kontaktskruv, Klemme, borne, strait.
*Kolektoro.* — *Kondensatoro.* — *Konduktoro.* — *Kontakto.* — *Kulombo* aŭ *Coulomb.* — *Kupli.*
*Lameno:* lamell, Plättchen, lame, lamel.
*Linio.* — *Magneto.* — *Magnetismo.* — *Ohm* aŭ *Ohmo.*
*Paŭsi:* kalkera, durchpausen, décalquer, trace.
*Pilo* (galvana): stapel, Säule, pile, column.
*Polarizo.* — *Poluso* (negativa kaj pozitiva).
*Reostato:* motstand, Widerstand, rhéostat, rheostate.
*Soldi:* svetsa, schweissen, souder, weld.
*Tensio:* spänning, Spannung, tension, tension.
*Transformatoro:* Umformer, transformateur, transformer.
*Trifaza.* — *Volto* aŭ *Volt.* — *Voltkvanto.* — *Voltmetro.*
*Volvo:* lindning, Windung, enroulement, winding.
*Watto* aŭ *Watt, Wattmetro.* — Prefiksoj: *mega, mikro, hekto, kilo, mili,* k. t. p.

* * *

Tiuj vortoj, kaj multaj aliaj, troviĝas en la Enciklopedia Vortareto de Ch. Verax, nia plej bona teknika vortaro. Verŝajne la sveda samideano elĉerpis ilin el tiu libro, kio ne malaltigas lian meriton esti kunmetinta praktikan liston de la plej ofte uzataj elektroteknikaj esprimoj.

La principo en la vortfarado por teknikaj celoj estu elekti unue radikojn plene internaciajn, kiel ekz. propraj nomoj (Volt, Watt) aŭ vortoj, kiel akumulatoro, baterio, k. t. p., kiujn kreis al si la scienco por difini ideojn kaj aĵojn, antaŭe ne konatajn. — Se mankas tia esprimo, estas plej ofte ĉar tia aĵo aŭ ilo jam ekzistis kaj havas propran nomon en nacia lingvo. Okazas, ke kelkaj lingvoj adaptas al duonnova aŭ por nova celo aranĝita aparato iun vorton el sia propra lingva trezoro, dum por la sama celo alia lingvo prunteprenas: okaze ĉe la angla, plej ofte ĉe la klasikaj lingvoj. Ankaŭ persona gloremo kaj financaj interesoj ludas rolon, kiam eltrovistoj de negrava novaĵo esperas doni al ĝi pli da valoro, se ili ornamas ĝin per kombinaĵo el la grek-latina kuirejo. Ŝajnas al ni, ke en tiuj multnombraj okazoj, Esperanta tradukisto devas serioze ekzameni, ĉu la ideo ne estas esprimebla per bona Esperanta radiko. Nia lingvo estas ja pli riĉa ol oni supozas, kaj ĉiu ne tute necesa nova radiko pekas kontraŭ la ĉefa principo de internacia lingvo: la simpleco. La *inkandeska lampo* estas ĝuste ekzemplo de komplika esprimo, ĉerpita el la latina lingvo, akceptata en la vortaroj francaj kaj anglaj kaj praktike tre malmulte uzata. Cetere la inkandesko aŭ la ardado de elektra lampo estas neprecize difino, ĉar preskaŭ ĉiu lumo fariĝas per ardado de iu materio, karbo, kalko, metaloj, k. t. p. Elektante alian karakterigilon oni alvenas al la fadeno kaj ricevas kun la metal- aŭ karbofadena lampo vorton simplan, precizan kaj Esperantan. — Trie, kie la Esperanta radikaro ne sufiĉas, oni faru novan vorton, atentante ne elekti iun tro proksiman de jam ekzistanta alisenca radiko.

Ni revenu al la listo. Krom *aliecigi* ni havas: *aliigi, aliformigi* kaj *transformigi.* Preferinde ŝajnas al ni la senescepta uzado de *transformi,* vorto bone konata, kiu en „*transformatoro*" klare signas multe uzatan aparaton. *Alisencigi, alidirektigi* kaj *komuti* estas ŝanĝi la direkton. Verax sekvigas: komutilo, *aiguille, Weiche, switch,* kaj la sama *komutilo,* kiel aparato por ŝanĝi direkton de elektra fluo kaj *komutilaro* por la muro aŭ tablo, kie troviĝas la aro de tiaj aparatoj. Anstataŭ tiu ne disvastigata fremdvorto la *relŝanĝilo* de diversaj nacilingvaj vortaroj sufiĉus, kaj por la elektra tekniko oni povus sin kontentigi kun la *fluŝanĝilo* kaj la *ŝanĝilotablo* aŭ *tabulo.*

Interesa klaso estas la kunigo de du aĵoj, pri kiu estas konsento rilate al kunglui kaj fandi. Neklare estas du aliaj: *Schweissen, souder, welt,* tio estas kunigi du metalojn per varmo kaj frapo aŭ premo, kiel ekz. la forĝisto kunfrapas du ferpecojn ruĝvarmegajn, kaj *löten, souder* aŭ *braser, solder,* kunigi du varmigitajn metalojn pere de alia metalo aŭ de metala miksaĵo, kiel tion faras la ladisto. Por la dua agado, oni trovas en diversaj nacilingvaj vortaroj: *luti, lutisto,* k. t. p. Por la unua, ni ne trovis vorton; frape aŭ preme kunfandi estus la plej proksimaj. Verax iris alian vojon, por la unua li skribas: *soldi,* elektante radikon, kiu en angla lingvo, *solder,* nepre havas alian sencon, kaj kiu en la franca ŝajnas almenaŭ esti duba: Verax tradukas *souder,* sed en la ĉiutaga lingvo *souder* estas plej ofte uzata por la agado de l' ladisto. Plie la substantivo *soldo* signifas moneron, de kiu devenas la soldato. La natura evoluo verŝajne alportos la soldon en la internacie konata senco de soldata salajro. — Por la dua agado la konata *luti* foriris (kial do?) kaj estas ĉe Verax anstataŭata de *brazi.* — Kaj la *lutado?* Ĝi revenas en la teknika vortaro en signifo nova: kunfiksi du ŝtonecajn pecojn per speciala pasto, do *kitten, mastiquer, cimenter, cement.* Por la unua agado, se preme kunfandi ne sufiĉus, plej klare estus la angla: *velti;* al la ladisto ni lasu lian laŭvortaran lutadon kaj por fiksi vitraĵon aŭ kunigi ŝtonojn glui aŭ cementigi estas ja bonaj. *Brazi* kaj ĉefe la malfeliĉa *soldi* malaperu.

Plie estas: *cirkuito* por aro de kondukiloj kaj aparatoj trairataj de elektra fluo, kaj *flurondo* por la vojo irata de elektro tra la aparatoj kaj la generatoro. Kiel la *circuit* kaj la *Stromkreis* en aliaj lingvoj, la bela Esperanta *flurondo* sole sufiĉus por ambaŭ signifoj.

*Dielektrika* laŭ Verax kvalifikas substancon, kiu malbone kondukas la elektron. *Dielektriko:* izolanta substanco. Ĉar Verax mem uzas por sia klarigo la verbon *izoli,* ĉi tiu sufiĉus, tiel ke oni povus forigi la dielektrikon. — *Disrompilo* estas same konstruita kiel la germana kaj la franc-angla vorto. Modela kaj Esperante facile imitinda estas la sveda formo: *strömbrytare, flurompilo,* kie la ne tro necesa dis- estas anstataŭata per la fluo, kiu karakterizas la elektran fluadon. Intermikso kun fluoj de akvo kaj gaso ne estas timinda; tiajn fluojn oni ne rompas, sed haltigas per kranoj k. t. p.

Se oni uzas Esperantajn formojn por propraj nomoj, la lingva spirito postulas ilin plene esperantigi, do Vato, Omo, Ampero kaj ne Watto, Ohmo kaj Ampèro. Skribante Esperante, ni havas neniun kaŭzon konservi la angle-germanan w, kiu en Watt preskaŭ tute same elparoliĝas kiel la itala Volt.

Oni bonvolu senkulpigi, se vortareto, por praktikaj celoj kunmetita, okazigis kelkajn rimarkojn. Sed, kiam oni ektuŝas teknikajn vortojn oni sentas sin necerta inter la multnombro de la proponitaj formoj kaj vole-nevole komencas kritiki kaj serĉi firmajn regulojn. Inter Esperantistoj estas disvastigata la opinio, ke „scienca" vortaro estas interna afero de la sciencistoj, ne grava por la ĝenerala disvolviĝo de la lingvo. Povas esti ĝusta tiu opinio por detaloj de la scienca terminaro, kaj por la tuta resto kondiĉe, ke oni klarigu kie finas la scienco kaj komencas la tekniko. Ni memoru, ke multe el tio, kio hieraŭ eltroviĝis en fizika laborejo, estos morgaŭ disvastigata tra la mondo en formo de iu aparato aŭ maŝino havigante komforton al la uzantoj kaj laboron al aro de teknikistoj. Ne decas fermi la okulojn kontraŭ la fakto, ke la industrio, la metioj, la komerco kiel eĉ la mastrumado estas pli kaj pli influataj de sciencaj eltrovoj adaptitaj al praktikaj celoj. Ni trinkas akvon alpremitan per pumpiloj, hejtas per vaporo, kuiras per gaso, lumigas elektre, senpolvigas la ĉambrojn per vakuigaj aparatoj, supreniras la domon en lifto, kudras kaj skribas maŝine, telefonas kaj telegrafas, vojaĝas en aŭtomobilo aŭ fervojo movigataj per vaporo, elektro, petrolo, kunpremita aero, akvoŝarĝo, laŭ altena, dentrada, ŝnurega aŭ sveba sistemoj. Rilate al tio, kion „oni devas scii", la modo, tiu progresema tiranino de la vestaĵoj, estas treege konservema. Kiu ne plu memoras iun historian daton aŭ malkapablas turni kelkajn frazojn pri klasika poeto antaŭ kelkcentjaroj mortinta, estas kiel ne instruitulo forpelata de la bona societo. La samaj kritikantoj ne ĝenas konfesi sian plenan nescion pri la plej simplaj natursciencaj leĝoj kaj milfoje uzas tramveturilon ne pripensante unu minuton la kialon de ĝia movado.

Kiel literatura lingvo Esperanto donis tiel mirindajn provojn de alttaŭgeco, ke neniu serioza kritikanto rajtas plu dubi. Por la uzado de la ĉiutaga vivo, inklude la komercaj, metiistaj kaj teknikaj esprimoj, nia lingvo ne ankoraŭ estas tiel perfekta, tiel unusenca kaj simpla kiel ĝi povus esti. Dezirinde estas, ke baldaŭ kelkaj

bonaj Esperantistoj kuniĝu por donaci al ni la vortaron de profesiaj esprimoj, kiun ni nepre bezonas. En la Marista, Muzika kaj Matematika terminaroj, kiel en nia ĉefa verko, la vortareto de S-ro Verax, bona prepara laboro estas farita. Oni devus nun kunigi vortojn el ĉiuj gravaj teknikaj kaj sciencaj branĉoj, starigi simplajn principojn de vortfarado kaj aliflanke forigi ĉion, kio ne estas nepre necesa. Ofte la troeco ĝenas, ne la manko de esprimoj. Ĉu la Akademio tion faros, estas dube: verŝajne ĝi diros, ke ne estas ĝia rolo kaj laŭ ĝisnunaj spertoj la iniciatemaj vortaristoj havis pli multan sukceson ol tiu estraro. Pli e por ke la verko estu uzebla devas ĝin fari praktikistoj, kiuj ne ŝvebas en la nuboj de vortteorioj kaj sciencetaj detaloj. Esprimante la deziron, ke la vortaristoj, eble kun la helpo de UEA, kiu reprezentas la internacian movadon, bonvolu sin serioze okupi kun la aludita demando, ni kredas paroli en la nomo de multaj samideanoj, kiuj konas la neperfektecon de nia lingvo, por esprimi aferojn de la profesia laborado.

*Ed. St.*

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-kvara listo*

*Cabassud*, el St-Remy (Franc.), militkaptito en Germanujo (loko nekonata).
*Cottin*, el Paris, militkaptito en Limburg (German.).
*Lagarde*, el Francujo, 334ª Inf. Reg., Baracke 5, Ingolstadt (German.).
*Leroy*, el Orléans, vundita kaj militkaptita, Comp. 7, Baraque D., Giessen (German.).
*Malengreau*, el Francujo, N-ro 343/II, Hameln (German.).
*Rodrigo*, el Perpignan, militkaptito en Germanujo (loko nekonata).
*Schatz*, *D-ro*, antaŭe en Serbujo, nun troviĝas en Isola Asinara (Ital.).
*Ŝilov*, *Aleksandro*, el Rusujo, 13. Komp., N-ro 58, Deutsch Gabel (Bohem., Aŭstrio).
*Sokolov*, *Michael*, el Kargachin (Rus.), Offiziersstation, Hart bei Amstetten (N. Ö., Aŭstrio).

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ABBEVILLE (Francujo, Somme). — S-ro Furcy Racine, 120, Bd. de la République, PI.

AUTUN (Francujo, S.-et-L.). — S-ro B. Mayol, 12, Ave. de la gare, PI, bfl.

AUTUN (Franc., S.-et-L.). — S-ro B. Pia, 29, rue aux Cordiers, PI, bfl.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro E. Lepeira, 1, Asturias (Paco kaj Amo), PI, L (ĉiam respondos).

BEAUVAIS (Francujo, Oise). — S-ro E. Barthé, kaporalo, 9ª Inf. Reg. kaj S-ro C. Desjardins, 51ª Inf. Reg., hospitalo, chambre St-Jean.

GOLICINO (Rusl. Moskva gub.). — S-ro Bazilo Nikiforov, PI, PM.

MARIA-HEIDE, VEGHEL (Nederlando). — S-ro P. A. Schendeler (sciigoj por ĉiusemajna Esp. prop. gazeto).

MOSKVO (Ruslando). — S-ro S. N. Serafimov, Bolŝaja Sakimanka 17, kv. 5, IP, L, PM (ĉiam respondos).

PARIS (Francujo). — S-ro Francisko Podgorski, 139, rue Legendre, PI (se eble kun ĉeĥaj, polaj kaj serbaj samideanoj).

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Charles Despeyroux, PM (kun komencantaj kolektistoj de aliaj landoj).

SAN VISENS DE TORELLO (Hispanujo). — S-ro Joseph Oro, PK, L.

SAN FELIU DE GUIXOLS (Hispanujo). — S-ro Victor Lluis, str. Eden, PI (kun ĉiulandaj samideanoj).

TORELLO (Hispanujo). — S-ro Juan Suler, 126, Nueva, PK.

TORELLO (Hispanujo). — S-ro Joseph Vila, 128, Nou, PK, L.

VLISSINGEN (Nederlando). — S-ro J. van Uden, ĉe H. M S. Hydra.

VUGHT (Nederlando). — S-ino G. v. Heeswyk, Kloosterstraat, PM.

ZEIST (Nederlando). — S-ro van de Backer, belga internigito, Barak 15, Komp. II (kun hispanaj samideanoj per *hispana* lingvo).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ADRESŜANĜO. — Batuma Delegito, S-ro Simeon Mkrtrĉjan, nun loĝas en Tiflis (Kaŭkazo) Redakcio „Horizon", 6, Sololakskaja.

ADRESŜANĜO. — S-ro N. Krassovskij, el Ufa, komunikas al korespondantoj sian novan adreson, Kiŝinev, Besarabio, Gubernskaja Ĉertejnaja. Serĉas novajn korespondantojn en ekstereŭropaj landoj kaj inter fraŭlinoj en Ruslando.

AL ĈIUJ MIAJ GEKORESPONDANTOJ miajn korajn salutojn, Rudolf Meyer, Frankfurt am Main, West, Rödelheimerlandstr. 24, nun okcidenta militkampo.

AL ĈIUJ MIAJ GEKORESPONDANTOJ, kiuj, sekve de anonco en la septembra N-ro, rilatis kun mi, mi esprimas mian dankon; pro la malpermeso korespondi nuntempe en Esperanto, mi nur povos respondi en *germana* lingvo. Kiu tion deziras, informu min. — Alexander Belz, Berlin-Rummelsburg, Schillerstr. 24.

ESPERANTISTOJ. — Uzu en via propagando markojn Amades. Ili havas la propagandan frazon „Lernu lingvon internacian Esperanto". Oni de ili eldonis en ĉiuj lingvoj de Eŭropo kaj en tiuj plej gravaj de Azio kaj Afriko. 100 markoj, ĉiuj en sama lingvo, kontraŭ 4 respondkuponoj, serio da 50 markoj en 50 diversaj lingvoj 2 respondkuponoj. Konto ĉe la Ĉekbanko. S-ro Joan Amades, 10, peu de la Creu, Barcelono (Hispanujo).

KORESPONDADO. — Al ĉiuj miaj geamikoj miajn korajn salutojn, daŭrigu la korespondadon per PI, PM, bfl. Estante soldato, mi tamen kurante respondos, Rudolf Meyer, Rödelheimerlandstr. 24, Frankfurt a. M. (Germanujo).

MALAPERO. — S-ro *Vitomir M. Panitsch*, naskita la 22 junio 1889 aŭ 1890 en Cacak, Serbujo. Lia patro estas mortinta, lia patrino loĝas en Cacak, lia frato en Belgrad, kie li havis pograndan komercon de spicaĵoj. Panitsch forlasis Svisujon dum aŭgusto 1915, suferis ŝiprompiĝon en la Egea maro, kaj atingis Salonikon la 25 septembro 1915. La lasta novaĵo de li datas de tiu monato. Panitsch studis 4 jarojn en Svisujon kaj 4 jarojn en Vieno.

SALUTOJN sendas Franciszek Podgorski, 139, rue Legendre, Paris, al F-inoj Vŝetečkova, Kleinova, Suchanhova; Ge-sroj Tyrka, Bucholc, S-roj Junker, Kaklan kaj ĉiuj Oraj Esp. Rondetanoj en Kolonjo (Köln).